Hamburg Esperanto

2/1999
Februaro/Marto
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.



Foto: Wolfgang Löbel

# Zamenhoffesto 1998 sukcesa

| Enhavo | Editorajxoj |
|---|---|
|  | Redaktofino de n-ro 3/99: 11-03-1999<br>Hamburg Esperanto<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65<br><br>Prezidanto: Jürgen Wulff<br>Redaktoro: Frank Merla |

| | |
|---|---|
| La HES Klubejo estas malfermita Jxauxde ekde 19:00 h.<br>Programo: 20:00 h.<br>GIS: kunvenoj lauxbezone;<br>Informoj:<br>Tel. (040) 58 71 82 aux 738 45 08 | Das Haus des Esperanto Vereins Hamburg ist geöffnet donnerstags ab 19:00 Uhr.<br>Programm: 20:00 Uhr<br>GIS: Zusammenkünfte nach Bedarf;<br>Information:<br>Tel. (040) 58 71 82 oder 738 45 08 |

**Nova redaktoro**

Benno Klehr (Oelkersallee 31, 22769 Hamburg) dum multaj jaroj redaktis kaj produktis kaj faris tion tre profesie. Hamburga Esperanto-Societo dankas al li kore pro lia laboro kaj gxojas, ke li plu multobligos la gazeton kaj zorgos por la pretigado kaj dissendado, krome li kolektos viajn proponojn por la programo de la klubvesperoj.

Bonvolu sendi artikolojn por al Frank Merla.

---

**Sentenco**

Vivo estas tio,
kio okazas,
dum vi estas
diligente faranta aliajn planojn.

John Lennon

Enhavo

---

# Zamenhoffesto 1998 sukcesa

"La Zamenhoffestoj cxie en la mondo estas parto de nia propra Esperanto-kulturo". Tio estis la centra deklaro de la festparolado de *Werner Bormann*. La propra kulturo de la Zamenhoffesto en Hamburgo cxi jare montrigxis en nova formo. 35 gastoj gxuis la bufedon, la etoson kaj la diversajn programpunktojn, inter ili gasto el Benin kaj el la germanaj urboj Kiel kaj Stralsund.

**Festparolado**

*Werner Bormann* trarigardis malnovajn kalendarojn kaj informilojn por prezenti interesan miksajxon de ideoj, faktoj kaj propraj personaj memoroj dum la festparolado. *Werner* taksis la nombron de la Zamenhoffestoj en la mondo je 500. "La Zamenhoffesto en Hamburgo envicigxas en la grandaj Zamenhoffestoj en la mondo ... Ni vivtenu nian Zamenhoffeston kaj ni vivtenu Esperanton". *Werner* finis per alvoko, kiu estas tasko kaj devo por ni cxiuj.

**Grandioza bufedo**

Post multaj jaroj denove estis arangxita bufedo por la Zamenhoffesto. *Gerald Roemer* kaj *Mariko Aosxima* preparis grandiozan bufedon kun frandajxoj el diversaj Euxropaj landoj: diversaj fromagxoj, fisxspecialajxoj, trancxajxoj de viandajxoj, multspecaj salatoj, italaj legomaj antauxmangxajxoj. *Heinrich Wielgus* preparis sian faman Borsxtsx-supon kaj kiel kroma varma mangxajxo haveblis rostita porkajxo kun bongusta sauxco. Krome kunhelpis/kunkukis *Kerstin Baasch*, *Benno Klehr*, *Jutta Sültz* kaj *Elsbeth Wielgus*. Dum la festo *Boris* kaj *Jan Burchards* disdonis la trinkajxojn. Post la festo restis tiom ke multaj gastoj kunportis hejmen ion por la venonta tago.

### La deserto - trietagxa naskigxfesta torto por Elsbeth!

La deserto estis parto de speciala programpunkto honore al *Elsbeth Wielgus* kiu igxis 70-jara la 9an de Decembro. *Vesna Stanicxicx-Burchards* preparigis tri-etagxan marcipantorton. Estis torto kiun oni normale ricevas je la geedzigxa festo. *Elsbeth* treege gxojis kaj diris: "Vidinte tiujn tortojn en televidaj elsendoj mi cxiam pensis: 'Ho jes, ankaux mi iam sxatus trancxi tian torton.'" Nu *Elsbeth*, kelkaj deziroj realigxas en la vivo. *Eckehard Burchards* komponis germanlingvan kanton amuze skizante la vivon de Elsbeth - kaj cxiuj kunkantis. La florbukedon por Elsbeth preparis Pia Haasis kaj Hannelore Meintzen denove verkis unu de siaj jam famaj poemoj kiun Benno lauxtlegis.

### Amuzaj rankontoj

*Pia* ankaux tradukis kaj prezentis amuzan historieton pri Santa Nikolao kiu plendas "Kien mi rigardas - nur botoj". Unu el la plej gravaj problemoj de Sankta Nikolao estas la grandaj deziroj de la homoj. "Provu enmeti lavmasxinon en boton. Vi bezonas konteneron por tio!"

La rakonto pri kristnaska ansero, kiun ne kapablis bucxi la du maljunuletaj fratinoj estis grandioze prezentita de *Eva Löbel*. *Wolfgang* kaj *Eva* hejme tradukis gxin kaj *Eva* prezentis gxin vocxe, bilde kaj perhelpe de sxtofaj pupoj: unu el la fratinoj narkotis la anseron per dormtablojdo kaj la alia senplumigis la korpon. Sed rompi la kolon de la ansero ambaux ne kapablis. Tiel la ansero la venontan tagon vekigxis senplumigita kaj por ke gxi ne frostu gxi ricevis ... puloveron.

### Benno honorita

La Zamenhoffesto estis ankaux bona okazo honori tiun viron kiu dum pli ol 10 jaroj zorgis pri la kluba bonfarto: *Benno Klehr*. Estis *Vesna*, kiu rakontis pri la Esperanta vivo de Benno kaj liaj meritoj por la klubo. Kiam *Jürgen* transdonis florbukedon (ankau preparita de *Pia*) al *Benno*, estis *Vesna*, kiu lauxtvocxe (sed certe ne sxokite) kriis: "Vidu, la nuna prezidanto kisas la antauxan prezidanton."

Tiu lasta okazajxo donas bonan impreson de la etoso de la Zamenhoffesto 1998. Estis legxera, amuza vespero kun multaj belaj travivajxoj por cxiuj. Tiu eblis, cxar multaj kunhelpis kaj gxojis fari ion por la klubo. Por "vivteni la Zamenhoffeston" kiel alvokis *Werner* en la festparolado ni bezonas novajn membrojn. La kunagemo dum la festo donas la esperon ke ni sukcesos.

Jürgen Wulff

Enhavo

---

**Semajnfina seminario pri tradukado**
**en la Esperanto-domo Hamburg**
**12-a/13-a de Junio**

(Esperanto-Germana/Germana-Esperanto) Gvidos Benno Klehr kaj Pia Haasis.

La provizora programo: prelego de profesia neesperantista tradukisto, ekzercoj, sinonimoj, homonimoj, propraj nomoj, germanismoj, falsaj amikoj.

Atentu la aldonan aligxilon!

Enhavo

---

**Programo de HES**

| Februaro | Marto |
|---|---|
| **4 Klubaj aferoj:** Planado por printempa informtago<br><br>**11 Werner Bormann:** Prelego pri la Internacia Festivalo 1998<br><br>**18 Hella Lanka:** Universala Kongreso 1999, preparo de le helpontoj en Berlino<br><br>**22** 18 h estrarkunsido<br><br>**25 Jarcxefkunveno 20-a horo**<br><br>**27** Jürgen Wulff & Vesna Stanicic-Burchards: 15 - 18 h Informvespero VHS im Forum, Norderstedt, Rathausallee 50, vd. E-oHH 1/99 | **4 Benno Klehr:** Lingva trejnado kaj ludoj<br><br>**11 Klubaj aferoj:** Planado por printempa informtago<br><br>**18** sen speciala programo<br><br>**25 Gerald Roemer**:<br><br>Ottensen - evoluo de nekutima urbokvartalo |

**Hamburga Esperanto-Societo r. a. invitas cxiujn siajn membrojn al la Jarcxefkunveno 1999**

en la Esperanto-domon la 25-an de Februaro 1999, je la 20-a horo, Klaus-Groth-Straße 95, Hamburg.

Proponoj por la tagordo estu cxe la estraro gxis la

Tagordo:

1. Jarraporto
2. Kasraporto
3. Raporto de la revizoroj
4. Raporto de la konsilantaro
5. Sensxargxigo de la estraro
6. Bugxeto kaj kotizoj
7. Diskuto kaj decido pri proponoj
8. Diversajxoj

Enhavo

---

## La kluba vivo en 1998

Pia Haasis emfazas, ke en sia artikolo temas pri siaj opinioj kaj ne tiuj de la estraro, kies membro sxi estas. La pasinta jaro estis eventoplena por nia klubo. En cxi tiu artikolo sxi sxatas rezumi kelkajn eventojn kiuj estis suficxe gravaj.

### Jarcxefkunveno kun obstakloj

En Februaro ne eblis sensxargxgi la estraron, do unue ne estis eble elekti novan estraron. La jarcxefkunveno estis cxesigita por fari dauxigon kun elektoj. La restanta estraro plulaboris por la klubo gxis la dauxrigo de la jarcxefkunveno. La estraro kaj la konsilantaro klopodis solvi la problemojn kaj provis trovi kandidatojn por la nova estraro. Kelkaj membroj de la malnova estraro ne pretis kandidati. Estis ne simpla situacio. La dua parto de la jarcxefkunveno okazis en Julio. Tiam la nova estraro estis elektita. Tiu elekto montris, ke neniu estis preta kunlabori en la estraro sen kondicxoj. Cxu tiel estis pro la problemoj de la komenco de la jaro? Tamen cxiuj opiniis, ke la klubo devas plu ekzisti kaj la nova estraro formigxis. Mi pensas, ke la situacio estis seniluziiga. Mi uzas tiun okazon por danki al sinjorino Wielgus kaj sinjoro Klehr pro ilia longjara kunlaboro en la estraro.

### Publikaj aktivadoj

La cxefaj aktivecoj de la klubo estis la partopreno en la Euxropa semajno en Majo kaj la partopreno en la foiro Du & Deine Welt en Auxgusto/Septembro. Dum la Euxropa semajno okazis tago de la malfermita pordo. Kelkaj personoj venis por informigxi. Dum la vespero ni havis Euxropo-bufedon kaj diskuton. Ni ne havis multe da neesperantistaj gastoj. Sed venis multe da membroj kaj kelkaj ne Hamburgaj Esperantistoj. Kurso ne okazis post la Euxropa semajno. La foiro Du & Deine Welt estis sufcxe bone vizitita. Kiel kutime post la foiro okazis provleciono gvidita per sinjorino Stanicic-Burchards al kiu venis 12 vere interesitoj, Sed bedauxrinde neniu aligxis al kurso.

Mi pensas, ke ni devas tamen uzi la Euxropo-semajnon kaj la foiron Du & Deine Welt por informi pri Esperanto. Ni ne havas multajn alternativojn por informi pri Esperanto. Ni ne povas mezuri la sukceson de nia laboro laux la fakto, ke kurso okazas aux ne. Laux mia opinio estas nia devo informi pri Esperanto. Tiun devon ni plenumis.

### Jxauxdaj klubvesperoj kaj festoj

Oni ne povas skribi tiun cxi artikolon sen mencii la Jauxdajn klubvesperojn. La programo de tiuj vesperoj konsistis gxenerale el prelegoj, komunaj diskutoj pri klubaj aferoj, luda vespero

k.t.p. Kutime venas gxis 14 personoj. Ni ankaux havis gastojn, kiuj prelegis en nia klubo. Kelkaj Jxauxdoj estis sen programo, cxar neniu ofertis programon. Mi auxdas kelkfoje de membroj, ke la programo estas ne suficxe ampleksa aux ecx enuiga. Sed estas cxiam la samaj membroj, kiuj ofertas programerojn, kaj ili ne havas senfinan stokon da prezentajxoj. Cxiu membro rajtas oferti programeron por la klubaj vesperoj. Se iu sxatas prezenti ion ajn: mi petas, anoncu tion al *Benno Klehr*. Ni cxiam sercxas kontribuojn por la Jxauxdaj programoj. Ni memkompreneble ankaux festis: okazis la ovokunveno kaj la Zamenhoffesto. Al tiuj okazoj venis pli da membroj kaj ankaux gastoj.

### Specialaj deziroj

Por ne forgesi iun ajn mi volas danki al cxiuj membroj, kiu helpis en la klubo dum la lasta jaro, speciale al tiuj, kiuj helpis dum la Euxropo-semajno kaj dum la foiro Du & Deine Welt.

Lasta afero:

Sinjorino Wielgus ne plu laboras en la kuirejo de la klubo kaj ne plu estas en la klubo âiam je la 19-a horo. Ni bezonas do personojn, kiuj estas pretaj malfermi la klubejon, ne cxiam la samaj.

Enhavo

---

## Irmgard Karst forlasis la klubon

Nia iama revizoristino *Irmgard Karst* forlasis la klubon. Ni cxi loke dankas al *Irmgard* pro sxiaj agadoj. Speciale sxia entuziasmo dum multaj foiroj, kie sxi kun *Bodo Schneider* dejxoris, estis cxarma kaj grava kontribuo en la Esperanto-agado de la Hamburgaj Esperantistoj.

Jürgen Wulff

Enhavo

---

## 90 jaroj Esperanto en Rostock

La 5-an kaj 6-an de Decembro 1998 vizitis 11 Hamburgaj geamikoj en Rostock la Esperantistojn el Meklenburgujo-Antauxpomerujo okaze de la 90-jara Esperanto-jubileo kaj de la Zamenhofa festo. 45 Esperantistoj el Danio, Ganao, Kiel, Lübeck, Neumünster, Schwerin ktp. gratulis al la organizantoj, s-ino Schaffenberg, s-roj Patek kaj Pfennig. Ili transdonis jubileajn diplomojn kaj donacojn. La Hamburganoj transdonis Adventan bukedon kun gratulkarto. Apud la festaj arangxoj ni ankaux vizitis la ampleksan kristnaskan bazaron dum suficxe forta negxofalo. *D-ro Bormann* parolis pri „Esperanto en la jaro 2000, s-ro *Pfennig* pri la temo „La Zamenhofa ideo 111 jarojn poste” kaj s-ro *Darbellay* pri „La Hansa Esperanto-ideo - kunlaboro cxirkaux la Balta Maro”. Entute estis bona travivajxo en Rostock.

Hella Lanka

Enhavo

---

## Dana-Germana Renkontigxoj

El la gxisnunaj „Kafoklacxoj” en Danio kaj Germanio farigxis „Renkontigxoj”. Esperanto-Kiel informas, ke cxi jare okazos jenaj renkontigxoj: 20-a gxis 21-a de Marto en Kopenhago, 4-a gxis 6-a de Junio en Rendsburg cxe la festoj 800 jaroj Rendsburg kaj 80 jaroj Esperanto en Rendsburg, 4-a de Septembro cxe Martin Mentrup en Flensburg, en Decembro ie en Danio cxe Zamenhoffesto, 31-a de Decembro en Hamburg cxe Internacia Silvestra Festo renkonte al la jaro 2000.

## Dana-Germana Renkontigxo Kopenhago 20-a gxis 21-a de Marto

En migrula hejmo kadre de la jarkunvenoj de DEA kaj DEFA okazos la unua de la nomitaj „Renkontiêoj” kun prelegoj kaj distraj programeroj. Tranokteblas tie en la domo en 4- aux 6 litaj cxambroj aux en hotelo. Lasta aligxdato: 1-a de Marto, pli favoraj kotizoj gxis la 5-a de Februaro. Aligxiloj kaj invitiloj haveblas en la klubejo. Informigxu kaj aligxu cxe

Esperanto-Kiel, Johannesstraße 54, 24143 Kiel
Telefono/Fakso: +49 431/73 77 88

Enhavo

---

## Postkongresa turisma renkontigxo en Stralsund/sur Rügen 8-a gxis 13-a de Auxgusto

S-ro Gunter Ebert (Telefono: +49 3831/490003, Sanddornweg 62, D-18439 Stralsund) invitas.

2-lita cxambro 85 DEM

1-lita cxambro 65 DEM

Veturkostoj po tage cx. 25 DEM

Aligxu plej eble gxis 11-03-99!

Enhavo

---

**Solvo de Nia Terura Enigmo 1/99**

| | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 R | 2 E | 3 P | 4 U | 5 T | 6 A | 7 C | 8 I | 9 O | 10 A | 11 T | 12 A | 13 R | 14 I |
| 15 A | D | O | R | A | D | O | 16 Z | E | F | I | R | A | N |
| 17 D | I | K | T | 18 S | O | L | E | 19 R | E | T | I | N | O |
| 20 I | K | S | I | O | N | O | 21 R | A | R | A | 22 G | E | K |
| 23 O | T | 24 O | K | 25 S | I | 26 K | O | 27 K | O | 28 N | O | T | U |
| 29 S | O | N | 30 O | 31 O | S | A | 32 K | A | 33 R | O | 34 M | O | L |
| 35 T | 36 R | 37 A | D | I | 38 C | I | O | 39 N | E | 40 G | O | 41 C | I |
| 42 A | E | R | O | 43 F | I | N | I | T | A | 44 A | N | E | 45 T |
| 46 C | I | T | R | O | 47 N | 48 O | 49 N | E | G | R | O | 50 L | E |
| 51 I | R | I | 52 S | 53 O | 54 E | R | C | M | O | N | T | A | R |
| 55 M | A | K | A | K | O | 56 L | I | A | 57 S | O | 58 I | D | O |
| 59 I | D | O | L | A | 60 N | O | D | 61 O | 62 A | S | P | I | R |


Enhavo

Re al Esperanto en Hamburg